FE

# ARGENTINA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

DE

ARGENTINA ESPERANTO - ASOCIO

ENHAVO:



BELGRANO 865
BUENOS AIRES

JARO IV - N.º 36 JUNIO KAJ JULIO 1920

## Cayuela y García

SASTRERIA Y CONFECCIONES



Especialidad en Trajes sobre medida desde $ 55 el Traje

Casimires ingleses y franceses importados por la casa.

CORTADORES DE PRIMER ORDEN

Completo surtido en Boneteria, Camiseria, Sombreros y Corbatas.

Acordamos créditos en 10 mensualidades

CASAS de VENTA

**Suipacha esq. Viamonte y Córdoba 3924 al 44**

U. T. 5621, Mitre U. T. 5824, Juncal

## FILATELISTOJ

Al ĉiu persono kiu sendos al mi per rekomendita letero 50, 100 au'pli malsamaj poŝtmarkojn de sia lando, mi sendos saman kvanton au valoron en Argentinaj kaj Sudamerikaj poŝtmarkoj, lau katalogo Ivert-Tellier Adreso:

**PEDRO GOMEZ**

CORDOBA 3924

Buenos Aires Argentino

## ¡¡SAMIDEANOJ!!

Kiam vi bezonos meblojn, mendu ilin ĉe la esperanta firmo

## I. M. F. Gaudino

Oni konstruas ĉiuspecajn meblojn kaj lignajojn je tre malkara prezo.

**865 - Belgrano - 865**

BUENOS AIRES

## Esperanta Brodejo

Oni faras ĉiuspecajn laborojn pri brodajoj.- Oni korespondas esperante

## M. Chacon de Clevillé

TUCUMAN 983

Depto. 14 Bs. Aires

JARO IV JUNIO KAJ JULIO 1920 N.º 36

# Argentina Esperantisto

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Asocio
ABONPREZO 3 SM. JARE

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BELGRANO 865 — BS. AIRES
Vizitebla ĉiunokte de la 8.ª ĝis la 10.ª Dimanĉe de la 3.ª ĝis la 7.ª p. tagmeze

## A los Esperantistas Argentinos

Queridos compañeros:

Por primera vez en mi vida esperantista, voy a tener el honor de dirigiros algunas palabritas, en este hermoso paladín de nuestro ideal.

Ante todo quisiera recordar a los esperantistas argentinos, algo que ninguno de ellos debería olvidar; algo que deberían o mejor dicho deberíamos tener en cualquier lugar, en cualquier momento y en cualquier circunstancia en nuestra mente, como cosa inseparable de ella, un algo que todo el que ha aprendido nuestro idioma, está obligado a saber.

Ese algo de que os hablo, queridos compañeros, es el deber de luchar cada día con más ímpetu, y cada día con más bríos, por alzar bien alto, el tesoro que nos legara no ha mucho, aquel sabio que se llamó Zamenhof.

Ese algo, es la obligación de saber que no debe haber nada, absolutamente nada en este mundo, que nos impida llevar adelante, nuestro hermoso Esperanto.

Nada en este mundo he dicho, debe desalentarnos en nuestra lucha. Al contrario, cada dificultad que encontremos en nuestro camino, cada barrera que se nos presente en nuestra marcha, debemos considerarla como un nuevo grito de aliento, como un nuevo acicate a nuestros bríos, para seguir triunfantes con nuestra causa; pues es ya sabido que toda obra buena, toda obra útil a la humanidad, debe imprescindiblemente encontrar enemigos, pues "el que haciendo obra no los tuviere, debería rechazar su propia obra", porque es una ley general, y porque siempre han habido y siempre habrán, enemigos a lo útil, y enemigos al progreso.

No debemos considerar como fracaso, el que nuestros enemigos nos llamen locos, porque también loco ha sido llamado aquel hombre que descubriera un día ún nuevo mundo de entre las aguas, y que hoy se venera con centenares de monumentos y con honores de toda clase y a cada momento, y locos han sido llamados todos los que buscaron el bien general.

El mundo solamente reconoce como hombres inteligentes y dignos de llamarse hombres, a los que sólo buscan su bien personal.

Y no debemos hacer caso de las burlas del mundo, por que algún día, esos mismos que hoy nos burlan, nos venerarán como ahora veneran a esos hombres que un día maltrataron tan cruelmente, y no debemos hacer caso de esas burlas, porque todos los esperantistas llevamos una conciencia irreprochable, y porque todos los esperantistas sabemos que algún día reconocerá la humanidad, cuanta razón teníamos al pregonar por todos los medios y por todos lados, que el ESPERANTO debe ser aceptado como idioma auxiliar internacional, por todos los pueblos de la tierra.

Y por todo esto, os pido queridos compañeros, que no abandonéis ni un instante de hacer todo lo necesario, cueste lo que cueste, para ver realizado el ideal ESPERANTISTA.

**Adolfo Savloff.**

La redaktejo de «La Eklezia Revuo» bezonas korespondanton pri la religia movado en Argentino. Interesuloj bonvolu sinturni al la adreso de nia gazeto.

# Tago kaj Nokto

El "Arabesky" de fama ĉeĥa verkisto Jan Neruda traduis.

(Fino.) Zdena Kubikova.

Unu apud la alia sidis en ruĝnuboj Tago kaj Nokto.

Tago diris: "Dudekkvar infanoj — multe da beno, multe! Kiel dividi ilin inter ni? Vi dekdu, mi dekdu, tio povus esti nur iam kaj ne tro longtempe; dum pli longa tempo ili Vin lacigus, malfortan virinon, Aŭdu edzino, tuj kiam komencos la somero mi zorgos pri ili. Mi jam ĝojos je ili, je tiuj etuloj! Mi ne rifuzos al ili la sunon kaj varmon, la florojn kaj fruktojn, la ludon kaj amuzon; sed poste mi freŝigos ilin per pluvego, trapelos ilin per sovaĝaj ventoj kaj mi ilin traskuos per tondro. Mi ĝojas vidi la infanojn kun iom malordigitaj haroj, tio estas sana por ili.

Nokto ne respondis. Sed kiam la suno komencis paŝi tra la ĉielo malĝoje vestita, kiam aŭtuna nebulo falis je ŝultroj de patro Tago kiel la trenajo kaj kiam li tedita, perdis senscie unu infanon post la alia, poste sekvis lin la patrino Nokto kaj kolektadis ilin. Kiam proksimiĝis la vintro kaj kun ĝi longa malluno kaj senfortigantaj frostoj, ŝi plenigis per ili sian mantelon kaj karesis ilin de mateno ĝis vespero.

NIAJ POETOJ

# Fideleko kaj esper

Malamikoj vane penas
Nin dividi per malver';
Sed nin helpas kaj subtenas
Fideleco kaj esper'.

Glora estas nia celo
Baldaŭ ni atingos ĝin.
Nia sankta verda stelo
Tra malhelpoj gvidas nin.

Ciutage plilarĝiĝas
La internacia rond';
Kaj mirege disvastiĝas
Nia lingvo tra la mond'.

Ni batalu ĉiuj lerte,
Sed paceme kun fier'.
Esperanto venkos certe
Per frateco, ne per fer'.

Originali verkis:

**S. Frantz** (Parizano).

# Pensoj de Sablereto

La plezuroj kaj agrablaj emocioj kiujn nin sentigas la internacia lingvo Esperanto estos eternaj, se ni, malestimante tion kion la egoismo kaj la malklereco diras kontraŭ ĝi per vira buŝo, defendas ĝin saĝe kaj senĉese; se ni ĝustelokas ĝin sur piedestalon konstruita de oferaĵoj kaj abnegacio.

Neniam povos perei la interna ideo de Esperanto se tia ideo estas dekretata de la Intelekto kaj sankciata de la Volado; se ni ŝirmataj de la ŝildoj de la honesteco kaj frateco deklaras mortmiliton al nia plej granda malamiko (la ignoro) kaj ni atakas ĉi tiun per la batališoj, kiujn havigas al ni la instruo kaj prudento.

Certe, Esperanto estas ankoraŭ nekonata vole aŭ senvole de la plimulto de la homoj, sed jam ĝiaj radioj iluminas grandegan parton de la universo.

Ĝi estas la fajrero el kiu naskos la lumo de la mondo, kaj la fajro kiu fandigos en unu ĉiujn homajn korojn, tiamaniere, ke batos unu por ĉiuj kaj ĉiuj por unu.

**Sablereto.**

Argerich 1a. 20a. de novembro 1919.

# XIIa Universala Congreso de Esperanto

Hago, 8-15 aŭgusto 1920
(Sesa Komitato)

KOTIZOJ. — La kotizaĵo por la kongreso kostas 10 guldenoj. Por ceteraj familianoj (de sama familio) oni rajtas nur pagi 5 guldenojn.

PREMIO. — Ĉar la Nederlanda Porfremdula Societo donacis al la loka Kongreskomitato kvanto de la ilustrita Esperanto — traduko de "Holland-Expres", oni decidis ĝin donaci al la unuaj 250 enskribitaj kongresanoj ekster Nederlando. La propaganda komisiono siatempe prizorgos la ekspedon.

ALIĜINTOJ. — Ĝis nun aliĝis entute 113 esperantistoj el 14 malsamaj landoj.

*ARGENTINO KAJ LA NOVAJ ŜTATOJ*

El la nova kreitaj ŝtatoj en Eŭropo, estas jam oficiale akceptitaj de la Argentina registaro la sekvantaj.

Finlando, la 11an. de majo de 1918, la 1918; Polujo, la 4an. de julio de 1918; Ĉeĥoslovakio, la 15an. de septembro de 1919; Georgio, en la sama dato, kaj Armenio, la 1an. de majo de 1920.

# TRA LA MAROJ KAJ LA URBOJ

## De Argentinio al Usono

JAKO VILASECA

(Por «Argentina Esperantísto»)
(Daurigo)

### LA VIRTOJ DE LA "BAY RHUM"

Posttagmeze, oni klarigis al mi, ke, unu el la plej famaj industrioj de Barbados, estas la fabrikado de "Bay Rhum". Afiŝo algluita sur la duonlitra botelo, sciigas al ni la sennombrajn ecojn de la fama akvo. Post ĝia legado, oni imagas sin trovi antaŭ la nekomparebla ŝmirajo de Fierabás, tiel varme rekomendita de la fidela servanto Sancho, al la tiel virta kaj kuraĝa kavalido Don Kihoto. Ĝi — laŭ la afiŝo — kreskigas la haron, kvankam la kapo estu tiel glata kiel bulo de biliardo. Ĝi beligas la vizaĝon, sanigas vundojn, ĉesigas dolorojn, blankigas la dentojn... k. t. p. Kiel vi vidas, tiu ĉi akvo estas vera mirindaĵo, kaj mi opinias ke ĝi estas iomete pli bona kaj malkara, ol la sankta kaj benita akvo kiun vendas la tre respektindaj pastroj de la Sanktejo de Lourdes.

Sed, la fabrikantoj de "Bay Rhum" kaj aŭtoroj de la afiŝo, forgesis sciigi al ni la plej bonan econ de ilia granda eltrovaĵo. (Mi skribas pri la "Bay Rhum" iomete serĉe, ĉar ĝi ja povas esti taŭga por sanigi vundojn, blankigi dentojn kaj cetere; ĉar, de malmutaj horoj ke mi konas ĝian ekzistadon, mi ne povas scii ĉu vere sanigas aŭ ne. Tamen, virto kiun mi ne legis sur la afiŝo, mi vidis ke ĝi havas.)

Antaŭ ol sciigi al vi, kia virto estas, mi min permesas pritakti unu el la plej seriozaj aferoj de la nuna homaro.

Preskaŭ en ĉiuj landoj de la mondo, troviĝas societoj kies misio konsistas kontraŭbatali la malnovan kaj malbonan kutimon de la plej multo de la homoj: drinki.

Tiuj societoj, plenaj je fido pri siaj agoj kaj klopodoj, algluas afiŝojn sur la muroj de la urbo, disdonas kvanton da ili al kelkaj laboristaj societoj. La afiŝo, plej ofte prezentas al ni, malimpresan vidaĵon: hejme de drinkulo. En angulo de la ĉambro, kuŝantaj sur matraco, estas du infanetoj, palaj kiel la morto mem. Meze la ĉambro ni vidas junan, sed kompatindan virinon kun velkiten vizaĝon, kiu sidas sur rompita seĝo kaj rigardas la infanojn obstine kaj malespere. En la alia angulo, pordo malfermiĝas kaj homo eniras kun al ĉapelo malbone metita kaj la korpo flanken inklinatan. Kvankam oni estu tre malsaĝa, tuj komprenas kiu estas "tiu sinjoro" kies aspekto montras al ni ke li trinkis ne akvon, sed ion pli forta. La patro de la infanoj kaj la edzo de la virino, kiu revenan hejmen drinka kiel kutime.

En la supraĵo de la afiŝo, oni vidas kranion kaj botelon kun la sekvanta skribaĵo: "ALKOHOLO." Kaj en la malsupra parto, ni legas: "JEN HEJMO DE DRINKULO. MIZERO, NUR MISERO!"

Tiu propagando, tiel multe laŭdata de iuj, igas min nur karesi mian mentonon por malaperigi rideton. Kiam mi antaŭ ne longe, eniris policejon en Buenos Aires por viziti mian amikon Mercado'n, polica oficiro, kaj mi vidis penditaj sur la muroj de la ĉambroj, afiŝojn preskaŭ similaj al tiun kiun mi preskribis, mi ridis tiel forte, ke li demandis al mi ĉu mi freneziĝis. Tute ne, mia amiko. — Almenaŭ mi tion kredas. — Sed, tre mirigas min, ke la registaro mem eldonigu afiŝojn por konvinki drinkulojn. Mi opinias ke la registaro perdas la tem-

pon. Ĉu ne estus pli bone kaj pli praktika, malpermesi la fabrikadon de alcoholaĵoj?

Kaj, mia amiko Mercado, post tiu demando, tuj klarigis al mi, ke, estas neeble tion fari, ĉar la ŝtato estas kiel turniganta maŝino. La diferenco konsistas nur el tio: Ke la turniganta maŝino bezonas oleon, kaj la stato bezonas monon. Do, milionoj eniras jare en la ŝtatan kason pro impoŝt sur alcoholaĵoj.

Post tiu klarigo, mi karesis mian mentonon, kiel kutime, kaj silentis. Mi komprenis tre bone. La registaro permesas fabrikadon de alkoholaĵojn, nur tial ke milionojn en iras en la ŝtata kaso, pro impostoj sur ĝi; kaj poste la registaro elspezas tri cent piastrojn por presigi afiŝojn sciigante al la drinkuloj, ke ili ne devas drinki. Vere, vere, la afero estas tre mirinda!...

Sed ni supozu, ke la registaro malpermesas la fabrikadon de alkoholaĵojn. Ĉu vi scian kion drinkus la drinkuloj? Bay Rhum'on! Kaj se la registaro malpermesus ankaŭ la Bay Rhum'-on, ili manĝus la herbojn el kiuj oni faras la Bay Rhum.

Kiam mi pensas, ke antaŭ uno horo mi vidis homojn kiuj posttagmeze estis amikoj, kaj nun fendis la kapon unuj la aliajn, mia koro terure batas. Ili scias ke la "Bay Rhum" krom la sennombraj ecoj sciigitaj sur la afiŝo, havis alian pli bonan; t. e.; la virto igi la homojn ŝajni bestojn. Jen kial ili trinkis ĝis la lastan guton. Kion vi volas! Estas la nuna homaro!... kaj, kvankam iuj el vi opinias ke mi estas tro skeptikulo pri la homoj, mi ankoraŭ kredas ke ĉiuj la societoj kiuj eldonas afiŝojn kun pentritan kranion, perdas la tempon.

Civilizacio estas internacia vorto, dum la plimulto de la homoj estas internaciaj bestoj, kaj ofte, tre ofte, mi pensas ke Kaligulo estis kaj estus inda regnestro de homoj.

(En la haveno de Barbados.)

(Daŭrigota).

28an. Aprilo.

**HACEMOS RECORDAR**

Art. 14.—Los socios aislados pagan sus cuotas por mes adelantado. Al que adeudare un mes ya transcurrido, la secretaría le pedirá por nota que se ponga al corriente. Si no se recibe contestación en el término de un mes, se dará de baja al socio. Si se recibe contestación pidiendo un plazo para el pago, la Comisión puede concederla si lo cree conveniente, pero éste no excederá de 3 meses.

# Enlanda Movado

**Buenos Aires.** — Oni malfermis esperantan kurson en la sidejo de Argentina Esperanto Asocio kun la ĉeesto de dudek lernantoj.

Estas finita kun bona sukceso la kurso antaŭe klarigata da Sro. A. Barrot en la sama sidejo.

**Bahia Blanca.** — La 2an. de julio malfermis kurson la Esperanto Grupo "Nova Sento".

Momente ĉesis aperi la gazeto "Esperanto", organo de la supre nomita grupo, pro la altigo de la preskosto.

**Talleres.** — Oni faras grandan propagandon por Esperanto.

La delegitoj de A. E. A. estas insiste petataj sendi siajn raportojn regule ĉiumonate.

**Médanos.** — La loka esperanta grupo "Internacia Progreso", komencis la 4an de julio, kurson de Esperanto en la sidejo de la provinca lernejo No. 1. La lernejo estis ĝentile disponata tiucelen de la lerneja komitato de la distrikto "Villarino" kaj danke al la laboroj de Sino. Inspektorino Laura Cordero de Urquiza kiu simpatias kun Esperanto kaj fervore laboris por atingi la permeson.

Oni decidis inviti por ĝenerala kunveno la unuan dimanĉon de Aŭgusto por aprovi la regularon de la Centro. Samtage estos komencataj du kursoj klarigotaj de Sino. Cyra R. de Perez kaj de Sro. Nicanor Reyero, direktoro de la provinca lernejo No. 3 de la dikstrito Argerich.

# CRONICA INTERNACIONAL

RUSIA. — El Esperanto acaba de obtener en la República de los Soviets, un éxito que sin duda acelerará su triunfo definitivo en todo el mundo. Según el diario maximalista "Pravda", el comisario de Instrucción Pública nombró una comisión para el estudio de la cuestión del idioma internacional. Después de discutir y comparar diversos proyectos, dicha comisión aprobó el Esperanto como el más conveniente, y decidió su enseñanza obligatoria, a la que ya se ha dado comienzo en Moscou, Petrogrado, Tver, Orel y Smolensk.

SUIZA. — En el pasado mes de mayo tuvo lugar en Ginebra un congreso de delegados de asociaciones de ex combatientes pacifistas, presidido por el ya célebre escritor francés Henri Barbusse. Este congreso resolvió organizar una activa propaganda para educar a los pueblos y especialmente a los niños contra los repugnantes horrores de la guerra, y trazó un programa para acercar a las naciones y protegerlas contra las incitaciones chauvinistas, decidiendo, como uno de los principales medios para lograr esos fines "exigir la enseñanza obligatoria del Esperanto en las escuelas públicas de todos los países y difundir su uso para todas las relaciones internacionales (correo, telégrafo, comercio, ciencia, etc.)" La diversidad de lenguas dificultó evidentemente las discusiones del congreso, por lo que se resolvió que "después del 1.° de octubre de 1920 el idioma oficial de la Federación Internacional será el Esperanto, siendo obligatorio para la correspondencia y congresos de la Federación".

En la misma ciudad de Ginebra el doctor Privat, después de algunas concurridas conferencias, inauguró cursos en la Universidad, en la sociedad "Hacia la Unión", en la universidad popular, en dos gimnasios, y en la dirección de escuelas públicas (para maestros).

Otros cursos se han abierto en Saint Gallen, Locarno, Lugano, etc.

ALEMANIA. — Se dictan continuamente cursos en todo el país; se han fundado muchas agrupaciones nuevas en los últimos meses, y efectuado exposiciones y conferencias de propaganda.

AUSTRIA. — Tuvo lugar en Viena una asamblea general del "Bohema klubo".

BULGARIA. — En Pleven se fundó un grupo con 60 socios. Funcionan dos cursos. En Sumen se reorganizó el grupo "Despertar".

CHECOESLOVAQUIA. — En esta república el movimiento esperantista es siempre intenso; el ministerio de Relaciones Exteriores lo favorece.

ESPAÑA. — Todo un éxito resultaron los juegos florales esperantistas celebrados en Manlleu, con asistencia de las autoridades comunales.

Se han inaugurado cursos en diversas ciudades.

GRAN BRETAÑA. — A la lista de las ciudades inglesas que se decidieron a experimentar la enseñanza del Esperanto en sus escuelas públicas, hay que agregar ahora Liverpool: cuarenta niños están estudiando el idioma internacional, como prueba, en la "Granton Rd. School".

Los cursos que dictan las sociedades de propaganda esperantista en más de treinta localidades, están dando satisfactorios resultados.

FINLANDIA. — No decae un solo instante la actividad de los numerosos "sa-

mideanos" de esta nación; el gobierno ha votado una importante subvención anual para contribuir a la divulgación del Esperanto, cuya necesidad sienten sobre todo los países de idioma poco difundido.

FRANCIA. — En París se ha constituído, con un fuerte capital, una sociedad por acciones denominada "Librería Central Esperantista", que se ha trazado un vasto programa editorial. Numerosas conferencias y cursos en Angers, Beauvais, Limoges, Lyon, Orleans, etc.

ITALIA. — Cursos en Bolonia, Génova, etc.

POLONIA. — En Crocovia se fundó una sociedad editorial esperantista. En Varsovia tienen lugar varios cursos, y se fundó un círculo de jóvenes esperantistas.

BRASIL. — Cursos en Río de Janeiro, Sergipe, Ceara, etc.

## Alvoko el Vieno

Ĉiuj samideanoj estas sendube bone informitaj per la naciaj ĵurnaloj, pri la mizero kaj malsato nunregantaj en la malfeliĉa Vieno. Jam en la tuta mondo oni klopodis malgrandigi kaj mildigi la kompatindan situacion de tiu popolo. Diversaj komitatoj estas fonditaj en kelke da landoj tiucele. Nun alvenis la vico ankaŭ por la esperantistoj. La Viena Komitato "Pomako" (Por manĝaĵa komitato) sin turnis per alvoko, al diversaj delegitoj de U. E. A. kun la celo kaj peto, ricevi ian helpon de la esperantistoj disemitaj en la tuta mondo.

La Viena Komitato "Pomako" estas formata de la sekvantaj personoj:

Sro. (supra konsilanto) F. Harthich — hon. prez. de "Uniuĝo Wien".

Sro. (direktoro) R. Kaltan — prez. de la Esp. unuiĝo "Danubio" kaj direktoro de la horloĝ-muzeo.

Sro. Revid L. Sield, vic-prez. de la "Katolika Ligo".

Sro. Andreas Deistler.

Sro.ñ Oskar Zimmermann.

Sro. Revid Rudolf Frey.

Kiu deziras rekte interrilatiĝi kun la nomata komitato, povas sin turni, Str. Schulhof 2 (Uhrenmuseum) Viena, I. Austria.

Pri monsendoj zorgas en argentinio, Sro. Petro Gomez (delegito de U. E. A.), Str. Cordoba 3920, Buenos Aires.

**CURSO POR CORRESPONDENCIA**

Para facilitar el estudio del ESPERANTO a las personaas radicadas en localidades donde no se dictan cursos orales, esta asociación ha organizado un curso permanente por correspondencia, con un número reducido de lecciones, modelos de redacción y un pequeño vocabulario como complemento del mismo.

La cuota única establecida es de $ 2.50 m|n., que deberá abonarse al inscribirse.

## VII.—Delegados

"Art. 31. — La C. K. está facultada para nombrar delegados de la A. E. A. en el interior de la República y en los demás países a los cuales se extienda la acción de la A. E. A. Todo delegado debe pertenecer a alguna agrupación adherida o ser socio aislado o protector de ésta.

"Art. 32. — Incumbe a los delegados: Informar a la C. K., lo más frecuente y detalladamente posible, sobre el movimiento esperantista en su localidad, y sobre todo hecho de alguna importancia ocurrido en la misma, relacionado con el Esperanto; trabajar en pro del Esperanto y de la A. E. A.; según las instrucciones especiales que recibiere de la C. K.

"Art. 33. — La C. K. extenderá a cada delegado una credencial firmada por el presidente y secretario, donde se hará constar la fecha en que termina su mandato (31 de marzo del año siguiente a aquel en que se efectúa el nombramiento), y donde se detallarán sus atribuciones. En caso de que entre éstas figuren la de percibir cuotas y donaciones, la C. K. deberá proveer al delegado de un talonario de recibos, debiendo cada boleta estar numerada y llevar el sello de la A. E. A., e impresa con el membrete de la Asociación.

Art. 34. — La C. K. puede en cualquier momento anular el nombramiento de un delegado."

Plenumante la ĉi-surajn artikolojn, la C. K. invitas ĉiujn samideanojn pretaj labori por nia Asocio sin oferi EN ESPERANTO pri lia deziro ekzerci la postenon delegito de A. E. A. en sia loko.

La redaktejo de "La Eklezia Revuo" bezonas korespondanton pri la religia movado en Argentino. Interesuloj bonvolu sinturni al la adreso de nia gazeto.

## Esperantista Centra Librejo

Sub tiu nomo estas ĵus fondita franca anonima societo kun variebla kapitalo. Tiu ĉi societo kreita por faciligi la presigo kaj aĉeto de nia esperanta literaturo, havas kiel ĉefan taskon reeldonon de la verkoj de nia kara Majstro, Dro. Zamenhof; tiu ĉi tasko estas jam faciligata de la firmo Hachette, kiu transcedis al la societo, laŭ favoraj kondiĉoj, ĉiuj esperantajn librojn kiuj estis en ĝiaj magazenoj kaj la rajtoj de reeldono kiuj ĝi posedis. La societa kapitalo estas nuntempe fiksita je la sumo da 50.000 frankoj dividitaj en kvardek akcioj po 25 (dudekkvin) frankoj ĉiu; mendoj de akcioj atingas jam la sumon da 28.250 frankoj.

Niaj samideanoj havas la moralan devon zorgi pri la diligenta ekspluatado de la verkoj de nia Majstro, valoraj fruktoj de lia tutviva laborado dediĉata al la bono de la homaro, kies profitoj devos nun iri rajte al liaj heredantoj: lia sindonema edzino kaj lia familio, kiuj tiom multe helpis lin dum lia poresperanta laborado.

Samideanoj interesataj por aĉeto de akcioj povas sin turni al "Esperantista Centra Librejo", Rue de Clichy 51, Parizo.



## Oni povas ricevi senpage "La Progreso"

La bonega organo de la ĉeĥoslovakaj esperantistoj publikigis en februaro specialan eldonon dediĉitan a la sepdeka naskiĝdato de T. G. Masarik, prezidanto de la respubliko. Ĝi estas vere leginda, pro la boneco de la stilo kaj pro la intereso de la enhavo, kiu instruas pri granda homo kaj faktoj tre malmulte konataj inter ni.

Tiu speciala numero estas ricevebla senpage ĉe la Ministerio por Eksterlandaj aferoj (Propaganda Sekcio), Praha-Hrad-Ĉeĥoslovakio.

Kompreneble, oni skribu esperanto... aŭ ĉeĥe, se oni preferas.

## Libroj kaj Gázetoj recevitaj

OK NOVELOJ, de Arnald Bennett. El la angla lingvo tradukis Alfred E. Wackrill. —Prezo, du ŝilingoj. Eldonis "Brito Esp. Asocio".

MIMI (Rakonto pri la latina kvartalo dum la milito). Angle verkis J. U. Giesy. Esperantigis Edhard S. Payson, prezidento de la Esp. Asocio de Norda Ameriko. — Prezo, 1 ŝilingo. Eldonis Brita Esp. Asocio.

La due supre cititaj verkoj (126 kaj 54 paĝoj) estas plezure akceptindaj pro la intereso de la enhavo, la lerteco de la tradukoj kaj la boneco de la preso.

RESPONDO, de la Hungara Scienca Akademio al la Ĉeĥa Akademio. 16 paĝaj broŝuro, eldonita de oficiala institucio, elmontras la progreson de Esperanto en Hungarojo.

ESPERANTO (U. E. A.) Nro. 235, 236 kaj 237.

LA ESPERANTISTO. Organo de Esperanta Universitato Pola, Wien (Postamt 34). 4 paĝoj grandformataj, Nro. 5.

LE TRAVAILLEUR ESPERANTISTE, kaj ĝia aldono.

ESPERANTISTA LABORISTO, 1a. jaro, 3a. serio, Nro. 3.

AMERIKA ESPERANTISTO, Nro. de Januaro ĝis Aprilo.

GERMANA ESPERANTISTA, Nro. 289-299, 291-292.

ESPERANTA FINLANDO, Marto.

LA ESPERO, Marto.

LE MONDE ESPERANTISTE, Nº. 112.

LA PROGRESO, Nro. 2.

INTERNACIA KOMERCA REVUO, Nro. 5.

OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA, Januaro.

FRANCA ESPERANTISTO, Monata organo de la francaj esperantistoj, fondita en 1908. Dua serio. No. 1, kaj 2. Red. kaj Adm. 51 rue de Clichy, Parizo (IX).

BRITISH ESPERANTIST, No. 183, 184 kaj 185.

LA UNUIGITA TUTHOMARO, Marto kaj Majo.

HUNGARA ESPERANTISTO, Marto.

L'ESPERANTO ,Februaro.

ESPERO KATOLIKA, Aprilo.

NEDERLANDA KATOLIKO, Marto, Aprilo, Majo.

MONATA BULTENO DE APLEC ESPERANTA GRUPO, Februaro, Marto, Aprilo, Majo.

BULTENO DE KATALUNA ESP. FEDERACIO, Novembro-Decembro.

LABORO, Monata organo de Portugala Laborista Esp. Federacio, Majo.

NIA FOLIETO, Januaro.

BRAZILA ESPERANTISTO, Januaro, Marto.

LA STUDENTO, Oficiala organo de la Pola Studenta Societo en Erie, Pa., U.S.A., 16 paĝoj. Jaro I, No. 1.

FLUGANTA SKRIBILO, Marto kaj Aprilo.

KOMERCO PER ESPERANTO, Marto.

ESPERANTO MITTEILUNGEN, Marto, Aprilo kaj Majo.

VERDA OMBRO, Monato Bulteno de Formosa Esp. Grupo (Talhoku, Japanujo), Jaro 2, No. 1.

PORTUGAL COMERCIAL E INDUSTRIAL, Kun esperanta fako. Januaro, Februaro kaj Marto.

KOZEP DUNA (Budapest), Kun esperanta fako. Majo.

ESPERANTA TRIUMFONTA, No. 1, (specimeno), prezo du respondkuponoj; Eldonanto-prezanto: Teo Jung, Horrem, Köln (Germanujo).

La atendita "Estonta ĉiutaga ĵurnalo de Esperantio" aperis fine, kun ok grandaj paĝoj kvarkolonaj plenaj je variaj, interesa bonstila teksto (tute en Esperanto). Ne mankas la ilustratoj, unu el ili speciale interesa por la esperantistaro: tiu kiu montras la modestan tombon de la Majstro. Estas vere dezirinde ke E. T. trovu sufiĉan nombron de abonantoj por povi daŭre vivadi kaj aperadi se eble duonsemajne, aŭ ĉiusemajne en la komenco, kiel deziras la eldonanto, kiu estas (tion pruvas la unua numero de E. T.) sperta profesia gazetisto. Por argentinoj, la abono ĝis fino de decembro 1920 kostas $ 2. (Subtena abono $ 3). La monon oni pagu per poŝtmandato aŭ per monbiletoj en registrita letero.

Ĉiu liberpensulo devus legi pri la mondfama "Money' Proceso" de San-Francisco. Tom Mooney kaj Warren Billings estas nun maljuste en Kaliforniaj mallibereoj. Legu la veron pri Mooney en "La Rakonto pri Tom Mooney", sendata ĉien kontraŭ du (2) respondkuponoj; dek (10) ekzempleroj kontraŭ dekses (16) respondkuponoj. Bone ilustritaj per klisbildoj. La profito oni uzos por prapagandi Esperanton kaj la veron pri "Mooney." Mendu de **Robert E. Blackstone,** pri-Monney' paroladisto, **International Workers' Defense League, 307 Russ Bldg., San-Francisco,** Kalifornio, Usono. Bonvolu kunsendi adresitan koverton kaj skribu tre legeble.

# Fako Korespondado

JILEMMICE (Ĉekoslovakio). Sro. Josef Kavan, P. M. kun ĉiuj landoj.

BIAGOVEĜĈNSK - ĉe Amuro (Rusujo, Siberio). Sro. V. D. Sokolov, Reala lernejo, interŝ. P. K.

MIKKELI (Finlando). Sro. E. Kyberg. Interŝ. P. M.

CORONEL PRINGLES (Buenos Aires, Argentina). Sro. V. Merlotti. Interŝ. P.K. kaj P. M. kun ĉiuj landoj.

HUMPPILA MURTO (Finlando). Sro. Elias Syrjanen; poŝtmarkkomercejo. Interŝ. ĉiunlandajn P. M.

VIIPURI - LIKOLAMPI (Finlando). Sro. Outo Sarpio, Str. Siimenskatu, I. Intrŝ. P. K., P. M.

BLAGOVEŜĈENSK (Siberio). Sro. N. S. Pargaĉevskij, Poste restante. Korespondado kun ĉiuj landoj.

GENOVA (Italujo). Lernantoj de "Laborista Esperanto Grupo" ĉe Camera del lavoro, Via S. Luca 4-2. Deziras korespondadi.

**SAMIDEANOJ!**

**Si cada uno de Vds. inscribe un nuevo socio a "ARGENTINA ESPERANTO ASOCIO" o un nuevo suscriptor para "ARGENTINA ESPERANTISTO", marcharemos a pasos agigantados y nuestro triunfo será indiscutible.**

Cuota de asociados: $ 1 mensual.

Cuota de socio protector: 2 $ mensuales como mínimo.

Suscripción a "ARGENTINA ESPERANTISTO: Un año, 3 $.

NOTA: A los socios se les remite gratuitamente la revista.

**Todos los valores destinados a la A. E. A. (giros postales, estampillas o dinero efectivo), deben ser enviados al Tesorero, señor Antonio Vila, Belgrano** 865, Buenos Aires.

## Argentina Esperantisto

**Tarifa de avisos**

Página entera: una publicación, $ 15.00; tres, $ 42.75; seis, $ 81.00; doce, $ 144.00.

Media página: una publicación, $ 8.00; tres, $ 22.80; seis, $ 43.20; doce, $ 76.80.

Cuarto de página: una publicación, $ 5; tres, $ 14.25; seis, $ 27.00; doce, $ 48.00.

Octavo de página: una publicación, $ 3.00; tres, $ 8.55; seis, $ 16.20; doce, $ 28.80.

La presente tarifa está arreglada de acuerdo con el descuento del 5, 10 y 20 o|o, por 3, 6 ó 12 publicaciones.

Estos precios rigen para los anunciantes que al aparecer la primer publicación abonen el costo íntegro de las suscriptas.

Avisos económicos: cuatro líneas o fracción, $ 1.00.

Avisos en "Koresponda Fako": 2 cupones-repuesta (respondkupono), ó 25 cts., por publicación.

Enero de 1920.

## Avisos Económicos